

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: en januaro, majo kaj septembro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (20) 4/2012, septembro 2012

*La Amsterdama Katedro* estas kvarmonata retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 7an de septembro 2012 kompare kun la eldono (18) 2/2012 de la 4a de majo (la eldono[19] 3/2012 de la 24a de majo estis speciala, eksterseria numero).

## Instruado de Esperanto

La fina ekzameno de la duasemestra kurso de Esperanto okazis la 29an de majo. Ne ĉiuj kandidatoj pasis kaj ripara ekzameno estis organizita la 5an de junio. Fine, 19 el 22 studentoj sukcesis — atinginte notojn inter 6,0 kaj 9,7 — kaj ricevis la korespondajn 10 ECTS-poentojn.

## Instruado pri interlingvistiko en la unua semestro de 2012-13

Pri la reorganizo de la kursoj pri interlingvistiko kaj Esperanto aperis detala raporto en la 18a (maja) numero de tiu ĉi bulteno. Interlingvistiko restas en la unua semestro kaj estos instruata dum la unua parto de la koncerna semestro, dufoje ĉiusemajne, kun sume 28 instruhoroj. La kredito de la nov-aranĝita kurso estas 6 ECTS. La novstila kurso pri interlingvistiko (nun nomata *Enkonduko en la interlingvistikon*), kaj lasta sub mia respondeco, komenciĝis mardon, la 4an de septembro, kaj de tiam estos donata ĉiun mardon kaj ĉiun ĵaŭdon dum po du horoj ĝis la 18a de oktobro. Ekzamenoj okazos la 2an de oktobro kaj je du datoj ĉirkaŭ la fino de oktobro, ankorau ne fiksitaj de la instru-instituto.

Aliĝis al tiu ĉi kurso 26 studentoj, kio signas rekordon ege super la longjara meznombra rezulto kaj duoblon de la lastjara nombro.

## Aktualaĵoj

- **Kongreso de EEU**. La 18an de julio, mi prelegis en la 9a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio en Galivo, Irlando, pri la temo *La lernebleco de Esperanto*, kombinante materialojn el *Esperanto: a language made transparent?* (raportita en la 16a [oktobra] numero de tiu ĉi bulteno) kaj el ĵus finita studo pri la refleksivo (vidu sub Publikigoj).

- La nederlandlingva kurslibro *Inleiding in de Interlinguïstiek* estis definitive ĝisdatigita por la lasta kurso pri interlingvistiko, kiu ĵus komenciĝis. En novembro, post la fino de la kurso, la elektronika dosiero estos disponigita al www.edukado.net por enretigo kaj senpaga konsultado kaj elŝutado.

- **Mentorado.** Depost 2010 la franca esperantisto-inĝeniero Marc Bavant estas (ekster-mura) doktoriĝanto ĉe UvA, atinginte tiun postenon i.a. dank' al sia sukcesa diplomiĝo en la postmagistra kursaro pri interlingvistiko, organizita ĉe la Universitato 'Adam Mickiewicz' en Poznań, Pollando. La verkata disertacio (kiu eble aperos en 2013) havas lingvoteorian temon kaj inkludas inter siaj objektlingvoj la eŭskan. Pro tiu ĉi kialo mi mentoras lin, aldone al la responsa doktoriganto Kees Hengeveld. Interesa detalo estas, ke la disertacio estos en la franca lingvo, sed ke la korespondado kaj kunvenoj inter la triopo okazas en la angla kaj Esperanto, depende de la partoprenantoj.

## Publikigoj

- 'Pri kelkaj malfacilaĵoj en Esperanto', aperinta en *Internacia Pedagogia Revuo*, vol. 42, nr. 12/2, p. 25-30. La artikolo traktas la analizojn, kiujn mi faris, uzante respondilojn de Esperanto-lingvotestoj, organizitaj en la malfruaj sesdekaj jaroj. La celo de tiu laboro estis, trovi apogon por eventuala korelacio inter la plej oftaj eraroj farataj en la Esperanta gramatiko kaj la travidebleco ĝuste de tiuj gramatikeroj laŭ la difino de la funkcia diskursgramatiko.

- 'Majstra riĉigo de la esperantologia literaturo' estas detala recenzo pri *Historia vortaro de Esperanto 1887-1888*, verkita de Gonçalo Neves. Ĝin aperigis *Beletra Almanako* en sia junia numero, vol. 6, nr.14, p. 141-145.

- 'The learnability of the reflexive in Esperanto', anglalingva eseo en la interreta fakrevuo *Linguistics in Amsterdam* 5(1), http://linguisticsinamsterdam.nl/aclc/05/nr01/a02. Ĝi enhavas rezultojn de la studvojaĝo al la Esperanto-Muzeo kaj la aŭstra nacia biblioteko en Vieno, pri kiu aperis komuniko en la 18a (maja) numero de tiu ĉi bulteno.

- *Babel* estas la luksa monata revuo de la Humanisma Fakultato de UvA. En sia numero 21(1) de septembro 2012 ĝi antaŭvidis la enkondukon de nova rubriko *Lofdicht* 'Odo', en kiu oni donas la okazon al fakultata profesoro citi kaj priparoli poemon, kiun li/ŝi aparte ŝatas, laŭdas aŭ opinias ial trafa aŭ menciinda. Verŝajne oni trovis neniun respondeman kandidaton dum la somero, ĉar meze de aŭgusto mi ricevis urĝan inviton, premieri en la nova rubriko kaj proponi manuskripton, laŭeble la postan tagon. Tiel okazis, kaj tiel aperis la eta rakonto pri William Auld kaj ties *Purigemulino* (vidu la Aldonon kun la skanaĵo de *Dichten in gemaakte taal* 'Verki poemojn en artefarita lingvo').

- 'Radikoj kaj vortoj en Esperanto', tridek-kvin-paĝa manuskripto pri la (sen)kategorieco de la Esperantaj radikoj, estas en sia presprovaĵa stadio kaj aperos en la 6a kajero de la fakrevuo *Esperantologio/Esperanto Studies* (EES).

## Estonteco de la katedro

La 1an de septembro 2013, okaze de la finiĝo de sia mandato, mi forlasos la katedron. Internacia Esperanto-Instituto IEI, kiu estas la jura reprezentanto de la katedro, financata de ĝi

kune kun Esperanto Nederland (la landa asocio de UEA), anoncis per letero de la 8a de julio, 2011, ke ĉe la fino de la kuranta mandato ĝi ĉesos subteni la katedran agadon.

En novembro, la direktoro de CED interkonsiliĝis kun estraranoj de IEI pri la daŭrigeblo de la katedro kaj interkonsentis pri pliprofundiga kunveno. Ĝin partoprenis, krom la katedrulo kaj la movada kuratoro, reprezentantoj de CED, UEA kaj la landa asocio Esperanto Nederland, la 10an de februaro. La reprezentantoj de UEA anoncis, ke la asocio pretas transpreni la respondecon por la katedro kaj Esperanto Nederland, samkunvene, antaŭvidigis plialtigi sian kontribuon al la ĉiujara elspezo inter 2013 kaj 2018. UEA kaj IEI per apartaj leteroj informis la universitaton pri siaj respektivaj intencoj kaj ŝajnas, ke la universitato inklinas akcepti la novan aranĝon. Restas malfermaj, en la momento de finredaktado de tiu ĉi numero, kaj la formala skriba konsento de la universitato pri la sekvata proceduro kaj la demando pri tio, kiu, nome de UEA, okupos la reprezentan postenon en la kuratoraro de la katedro.

Espereble la varbokampanjo por trovi novan katedrulon komenciĝos baldaŭ, ĉar la 1an de septembro 2013 la nova katedrulo devus esti instrupreta!

*Mi kolektis kaj administras nelongan adresaron de personoj, kiuj aŭ iam interesiĝis pri la katedro aŭ pro iu kialo estas konsidereblaj — ĉu solaj, ĉu en iu kombino kun aliaj — kiel kandidatoj por la posteno. Al tiuj personoj jam iris du cirkuleroj kun informoj kaj respondoj al demandoj.*

*Mi insiste petas la legantojn de tiu ĉi bulteno, ke ili diskonigu la ekziston de tiu ĉi informsistemo al ĉiuj personoj, kiujn ili juĝas intereseblaj pri aŭ kvalifikitaj por la posteno, por ke tiuj personoj anoncu sin ĉe mi por aligo al la adresaro. Ĉiuj informoj pri la katedro estas egale distribuataj al ĉiuj kaj ĉiu korespondado inter mi kaj membroj de la adresaro estas absolute senpartia kaj laŭeble kolektiva. Laŭ la adresado de la cirkuleroj, la membroj scias, kiuj estas iliaj kolegoj-interesitoj.*

## La venonta novaĵletero

estos numero (21) 1/2013 kaj aperos en januaro 2013, pli malpli koincide kun la komenco de la kurso de Esperanto.

Wim Jansen, la 7an de septembro 2012

# Dichten in gemaakte taal

**Aan welk bijzonder gedicht geeft een poeziegeleerde of dichter zijn of haar lof? Elke maand in 'Lofdicht' een gedicht met bijhorend eerbetoon. Bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto Wim Jansen (1948) bijt de spits voor ons af. 'Poëzie is niet het eerste wat je verwacht in de gemaakte taal Esperanto.'**

Tekst /// **Jolijn Swager**

## *LA PURIGEMULINO*

*Vere – ne estas mi sarkasma –*
*Vi estas tro entuziasma.*
*Vi per ŝvabrilo kaj sitelo*
*Purigus eĉ en la ĉielo:*
*Anĝelajn harpojn vi polurus*
*Ĝis ĉia muzikem' forkurus.*
*Kaj se (ĝi ŝajnas neprobabla)*
*Vi irus al la fajr' diabla,*
*Vi ardajn cindrojn forŝovelus*
*Kaj la kamenojn vi skovelus,*
*Ĝis mem Satan' despere muĝus,*
*Kaj plore en tavern' rifuĝus.*

*Kara, ĉu vi ne povas vidi,*
*Ke estus bone, iom sidi?*

## DE DOOR SCHOONMAAKWOEDE GEDREVENE

Echt – ik bén niet sarcastisch –
Je bent te enthousiast.
Je zou met zwabber en emmer
Zelfs in de hemel schoonmaken:
Harpen der engelen zou je oppoetsen
Tot elke muzikaliteit eruit zou vlieden.
En als je (wat onwaarschijnlijk lijkt)
In het vuur van de duivel zou eindigen,
Zou je daar de gloeiende as wegscheppen
En de schoorstenen schoonvegen,
Tot Satan zelf, razend van wanhoop,
En in tranen de kroeg in zou vluchten.

Mijn beste, kun je niet zien,
Dat het goed zou zijn even te gaan zitten?

William Auld (1924-2006)

'Toen ik de uitnodiging van *Babel* kreeg, zat ik buiten in mijn woonplaats Katwijk aan Zee, zonnig en windstil op dat moment, en ik keek onwillekeurig naar de spiegelende en streeploos gelapte ramen om mij heen. Katwijkse vrouwen staan bekend om hun werklust en schoonmaakdrift. "La purigemulino" gaat over dit alledaagse onderwerp, de schoonmaakwoede.'

'Literatuur is niet het eerste wat je verwacht in de gemaakte taal Esperanto, en poëzie nog minder. En als je bedenkt dat de dichter, William Auld, zich hiermee zijn hele loopbaan heeft beziggehouden en naar de smaak van zijn lezers en critici veel moois heeft geproduceerd, dan is dat iets om even bij stil te staan.'

'William Auld is een van de bekendste dichters in het Esperanto. In 1924 geboren in Kent, maar van zijn negende jaar tot zijn dood in Schotland woonachtig. In de najaren van de Tweede Wereldoorlog was hij Spitfire-piloot, later onderwijzer, maar bovenal literair criticus, tijdschrift- en boekredacteur en dichter in de taal van zijn keus, het Esperanto. Dit gedicht, met mijn vrij letterlijke en pretentieloze vertaling in het Nederlands ernaast, komt uit Aulds bundel *Humoroj* (oftewel *Stemmingen*) uit 1969.'

'Het gedicht heeft een klassieke opzet, met een vast schema van gepaard rijm aa-bb. De maat is jambisch, viervoetig, gevolgd door een onbeklemtoonde slotlettergreep, met uitzondering van de eerste en de voorlaatste regel, waarin de schoonmaakster in sterk contrasterende trocheeën wordt aangesproken: *Vĕrĕ – nĕ ĕstas... en Kără, ĉŭ vĭ....* Ik vind deze vormvastheid en dit streven naar technische perfectie mooi, en ook het functionele van het doorbreken van een patroon. Voor mij zijn het dé kenmerken die poëzie van proza onderscheiden.'

'De door mij in het Nederlands vertaalde titel doet misschien vermoeden dat *purigemulino* lastig te vertalen is. Het is qua complexiteit een woord dat misschien wel aan de grens raakt van wat een doorsnee Esperantospreker moeiteloos kan verzinnen en vormgeven, maar het kan. Het woord bestaat uit een lexicale stam *pur* 'schoon, rein', gevolgd door vier suffixen, die achtereenvolgens ongeveer het volgende uitdrukken: *ig* 'maken', *em* 'geneigd tot', *ul* persoon met die eigenschap, *in* 'de vrouwelijke variant', afgesloten met de uitgang o van het substantief. Vier suffixen is veel, maar met drie zijn zulke (agglutinerende) afleidingen dagelijks brood voor Esperantosprekers, die ze met veel plezier ter plekke verzinnen en, indien niet meer nodig, ook weer kunnen vergeten. Dit is een ongekende vrijheid van omgang met taal, waaraan de praktijk zijn natuurlijke grenzen stelt.' ∎